# Esperanto en Azio

n-ro 31
1998-1
julio 1998



**Bulteno de UEA pri la Azia Esperanto-Movado**

eldonas: Komisiono pri Azia Esperanto-Movado, prezidanto: TAKEUTI Yosikazu / ĉe Japana Esperanto-Instituto, Waseda-mati 12-3, Sinzyuku-ku, Tokyo, 162-0042 Japanio / Telefono: +81-3-3203-4581, Telefakso: +81-3-3203-4582

redaktas DOJ Ĉieko kaj Hirokaz, Niŝiŝiba 4-17-9, Kanazaŭa-ku, JOKOHAMO, 236 Japanio / Telefono kaj telefakso: +81-45-785-5458

*enhavo*

## • *Projektoj por Azia Movado A, B, C, Ĉ, D (koncize)*

*Projekto A: Kunlaboro de aliĝintaj landaj asocioj*

*A-1: Regule kunveni en ĉiu UK kaj Azia Kongreso*

*A-2: interŝanĝadi informojn regule*

*Projekto B: Sendi kompetentajn instruistojn al landoj kie ne ekzistas la movado aŭ kie estas bezonataj altanivelaj instruistoj pri Esperanto*

*Projekto C: aligi aziajn aktivulojn al UEA*

*Projekto Ĉ: sendi aziajn aktivulojn al progresintaj aziaj landoj (Japanio kaj Koreio)*

*Projekto D: helpi pri E-libroj*

*D-1: eldono de necesaj libroj*

*D-2: transdoni librojn de donacantoj al aziaj Esperanto-kluboj, asocioj kaj individuoj, kaj alvokoj al ĉiuj esperantistoj kaj Esperanto-organizoj*

*Komisionanoj de KAEM (Komisiono pri Azia Esperanto-Movado) konsistas el jenaj 6 personoj el 3 landoj. Ili plenumos la taskon ĝis julio 1998.*

Prezidanto: TAKEUTI Yosikazu/ Noborimati 5-A35-402, Takatuki-si, 569 Japanio. tel. kaj fakso: +81-726-71-3773

Sekretario: Puramo CHONG/ Kwangmyong-2 dong 50-5, Kwangmyong-shi, Kyonggi-do 423-012, Koreio. tel.: +82-2-682-3456. fakso: +82-2-616-1571

LEE Jung-kee/ Seula Esperanto-Kulturcentro, CPO Kesto 3047 SEOUL 100-630, Koreio. tel.: +82-2-779-5936, aŭ 779-7216. fakso: +82-2-756-4859

SYÔZI Keiko/ Nisinippori 3-7-15, Arakawa-ku, TOKIO, 116 Japanio. tel.:+81-3-3827-7049. fakso: +81-3-3824-1040

ZOU Guoxiang/ ĉe Ĉina Esperanto-Ligo, P. O. Kesto 825, CN-100037, Beijing, Ĉinio. tel.: +86-10-6832-6682. fakso: +86-10-6832-1808

WANG Jianbing/ ĉe Ĉina Esperanto-Ligo, P. O. Kesto 825, CN-100037, Beijing, Ĉinio. tel.: +86-10-6832-6682. fakso: +86-10-6832-1808

# 1. Projekto C por 1998

Enkadre de la Projekto C de KAEM, 59 aktivuloj estis akceptitaj kiel membroj de UEA por 1998: 40 el Ĉinio, 5 el Irano, 11 el Vjetnamio, po 1 el Bharato, Uzbekio kaj Rusio. Novaj aliĝintoj estas 30 (51%), virinoj 12 (20%). Ni kore dankas tiujn, kiuj sendis al ni netan raporton pri sia aktiveco.

Noto: Projekto C traktas nur membriĝon al UEA. Se vi havas apartan peton, bv. turni vin al koncernatoj de KAEM.

*Raportis SYÔZI Keiko (s-ino)*

***el Ĉinio (40, +15)***

Bao Shujun, Dai Zhongli, Dong Shulin, Fan Jian de, Ge Tao, Gong Xiaofeng, Han Zuwu, Huang Guozhen, Jiang Ruibin, Jian Weijian (Ĝjen Ŭejĝjen), Jiang Yunlin, Jiang Zu-yue, Ji Yingeng, Liang Nai Keng, Li Liang, Liu Haitao, Liu Liduan, Li Yusheng, Lin Leming, Lu Jixin, Lu Wengfang, Ma Fengchen, Mu Binghua, Pan Xian Wei, Rao Jian, Sabeo Fu, Shen Chengru, Su Jinzhe, Tang Yong, Wang Peiyan, Wen Gang, Wu Hanping, Xue Hua, Ye Nianxian, Zhang Fude, Zhang Jiping, Zhang Xuesong, Zhang Yuewu, Zhao Guiyong, Zhu En

***el Bharato (+1)***

Padey N. M (post la peto tre bedaŭrinde li forpasis. vd. p.10.)

***el Irano (+5)***

Ali Reza Jafari, Fariba Zandi, H. Dehghan Komaji, Saiid Pakravan, Shabnam Hejazi

***el Vjetnamio (11, +8)***

Cao Thi Qúi, Hoáng Nhan, Lai Hai Ly, Let. Gao Grio'ng, Nguyêñ Quang, Nguyêñ Thi Miên, Nguyêñ Van Diên, Nguyêñ van Hu'n, Nguyêñ van Thanh, Pham Minh, Pham Van Vinh

***el Uzbekio (+1)***

Umid Rahmatullin

***el Rusio (+1)***

Lemelev Vladimiro R.

# 2. Informoj el Vjetnamio

## 2-1. Esperanto en Hanojo

La Hanoja Esperanto-Klubo (HANESPE) estis la unua Esperanto-klubo, kiu aperis

tuj post la fondiĝo de Vjetnama Pacdefenda Esperantista Asocio (VPEA). De tiam ĝis 1990, tiu klubo kontribuis multe al la propagando de Esperanto en Hanojo.

En 1991, en Hanoja Eduka Klubo, pluraj membroj, kiuj estis esperantistoj, formis la duan Esperanto-klubon de Hanojo. Tiu klubo nomiĝis "Esperanto-Klubo en Eduka Klubo" kaj agadis ĝis 1994.

En la komenco de 1995, kelkaj eksmembroj de tiu klubo kune kun novaj geesperantistoj formis la trian klubon, kiu nomiĝis "Unesko Esperanto-Klubo (UNESPE).

De 1992, la membroj de HANESPE puŝis antaŭen la agadon por Esperanta movado. Ĝis la fino de 1996, ili organizis 14 senpagajn kursojn pri Esperanto de baza nivelo kaj 12 renkontiĝojn kun geesperantistoj de aliaj landoj, kiuj vizitis Hanojon.

En junio 1997, la Hanoja Esperanto-Asocio (HANEA) estas fondita por unuigi la agadon pri Esperanto-movado en Hanojo. HANESPE kaj UNESPE estas kelektitvaj membroj de HANEA.

*Nguyên Hop/ Nhá C 25, To 62, HáoNam P.ÔchoDúa, Q.Dong Da, Hanôi, Vjetnamio*

## 2.2. *Malfermiĝis kursoj en UNESKO-Centro en Hanojo*

*(agado de Hanoja Esperanto-Asocio)*

La Unesko-Centro 19/5 pri Fremdlingvoj kaj Informado starigis en aŭgusto 1997 seriojn da Esperanto-kursoj por disvastigi Esperanton en la ĉefurbo kaj aktivigi esperantistojn, serve al la kongreso.

La Unesko-Centro, kies direktoro estas s-ro Pham Van Vinh, mem esperantisto, malfermis jam en 1989 kaj 1994 senpagajn Esperanto-kursojn, sed la tiama Esperanto-movado estis ankoraŭ malforta kaj tiuj kursoj devis ĉesi kaj postlasis nur kelkajn verajn esperantistojn, kiuj aktivas ĝisnune en Hanojo. Fine venas nova sento...

La fondiĝo de HANEA (Hanoja Esperanto-Asocio) en junio 1997, la Hanoja Pintokonferenco de franc-parolantaj landoj kaj precipe la vizito de du KAEM-anoj (s-roj Takeuti Yosikazu kaj Puramo Chong) fine de novembro por konsiliĝi kun la estraro de VEA (Vjetnama Esperanto-Asocio) kaj de HANEA, instigas forte Esperanto-interesatojn, aparte junulojn kaj studentojn, i.a. lernantojn de fremdlingvoj en la Unesko-Centro 19/5.

Kaptante la favorajn kondiĉojn, la Unesko-Centro 19/5 plifortigis Esperanto-propagandon per gazetoj kaj televidoj kaj kolektis centojn da Esperanto-lernantoj por senpagaj elementaj kursoj. La unua kurso malfermiĝis dimanĉe en la 17a de aŭgusto, kaj finiĝis en la 14a de decembro per elementa ekzameno kun 22 diplomitoj. La dua kurso komenciĝis en la 6a de novembro, kaj finiĝis en 28a de decembro kun 48 diplomitoj. Samtempe okazis malgrandaj Esperanto-kursoj, kies lernantoj trapasis ekzamenojn en la 6a, 12a kaj 18a de decembro kun respektive 10, 16, kaj 15 diplomitoj.

Spite al multaj malfacilajoj, s-ro Pham van Vinh kaj liaj kunlaorantoj klopodas kontribui al la sukceso de la Dua Azia Kongreso.

*Nguyễn Quang/ P. 1A, N. Q38, Khu Truong Dinh, Hanôi, Vjetnamio*

## *2-3. 12 kursoj okazis en 1997*

### *aagado de Hanoja Esperanto-Klubo*

Lastjare (1997) HANESPE (Hanoja Esperanto-Klubo) kunvenis kvinfoje en januaro, aprilo, junio, aŭgusto kaj decembro. La tria kunsido (la 9an de junio) estis filmita kaj elsendita de la Nacia Televido. Kelkaj klubanoj kaj lernantoj estis intervjuitaj. Esperantaj libroj, gazetoj kaj fotoj pri la agado de HANESPE estis elmontritaj tiam.

La estraro organizis aliajn kunsidojn por kursanoj, interŝanĝi spertojn pri instruado, kontribui al la perfektigo de la lernolibro verkita de du estraranoj. Krome, la anoj partoprenis en la kunvenoj okazigitaj de Hanoja Esperanto-Asocio (HANEA) okaze de ĝia fondiĝo (la 20an de junio), la alveno de la gvidantoj de KAEM (la 29an de novembro), la jubileo de la fondiĝo de Vjetnama Esperanto-Asocio (VEA) kaj la 138a naskiĝdato de Zamenhof (la 16an de decembro).

El 25 Esperanto-kursoj okazintaj de 1992 ĝis nun, 12 okazis en 1997. Ĉar mankas okazoj renkontiĝi kaj paroli kun alilandaj esperantistoj, ĉiuj klubanoj malnovaj estas klopodantaj perfektigi la lingvon kaj praktiki paroladon en lernogrupoj, kiuj kunsidas



la unua kunsido de HANESPE en januaro 1998

ĉiusemajne, por kontribui al la preparado kaj sukceso de la Dua Azia Esperanto-Kongreso. Ni havas biblioteketon, sed novaj gazetoj mankas. La klubanoj estas korespondantaj kun pli ol dek esperantistoj el Japanio, Brazilo kaj Belgio.

*Nguyêñ Thi Ngoc Lan (ĉefestraranino de HANESPE)/ 20 Lo Su, Hanôi, Vjetnamio*

## 2-4. Unika Ekspozicio en Hanojo

Okaze de la 40-a jariĝo de mia Esperanto-aktivado kaj mia 65-a naskiĝdatreveno okazis la ekspozicio en la 10a de februaro 1998. Ĝi gajnis bonan sukceson kun pli ol 200 vizitintoj. Plejparte de ili estis ne-esperantistoj.

Ĝi estis unika, ĉar ĝi estis la unua okazaĵo fare de unu persono en persona loĝejo kun la temo Esperanto, pri kiu oni tute ne scias, aŭ scias nur malmulte, kvankam Esperanto enpenetris Vjetnamion de la 30aj jaroj de la jarcento, kaj Esperanto-Asocio fondiĝis en 1956.

Ĝi estis grandioza, ĉar ĝi prezentis amasojn da Esperanto-dokumentoj, fotaĵoj, libroj kaj revuoj de pluraj organizaĵoj en la mondo kolektitaj de mi dum 40 jaroj de mia Esperanto-aktivado.

Kelkaj ĵurnalistoj enlandaj alvenis kaj faris intervjuon pri Esperanto en la mondo kaj en Vjetnamio. La vjetnama radio elsendis informon pri tiu ekspozicio. Konsekvence de tiu ekspozicio multaj volas lerni Esperanton por servi la Duan Azian Esperanto-Kongreson okazontan en aŭgusto de 1999 en Hanojo.

*Dang Dinh Dam/ 3 Cao Dat, Hanôi, Vjetnamio*

# 3. Informoj el Honkongo

## 3.1. Okazis

### 3.1.1. Publika seminario en februaro

En la 28a tago okazis la seminario: "Esperanto - kio ĝi estas?" Prelegis honora prezidanto de HKEA, s-ro Lee Tek-Shiu kaj prezidantino Eruda Li kaj ĝenerala sekretario Bill Mak. Dudekoj da ĉeestantoj faris multajn demandojn kaj aĉetis librojn post la prelego.

### 3.1.2 Eklanĉiĝis Kampanjo por IJK 2000 en Honkongo

En aprilo eklanĉiĝis la kampanjo post komenca diskuto inter ĈEL, ĈJEA kaj HKEA dum la Tutlanda Esperanto-Konferenco en Conghua, Guangzhou pasint-decembre. IJK 2000 estos kunlaboro inter honkongaj kaj ĉef-landaj samideanoj. ĈJEA plenumos la administran laboron kaj HKEA zorgos pri la LKK/kongresejaj detaloj. Plena kunsido okazos dum KS en Pekino ĉi-julie. Interesitoj bv. postlasi mesaĝon ĉe la ret-tabulo:

http://aistor.kotel.co.kr/~espero/cgi-bin/bbs_read.cgi?board

### *3.1.3. La 3a Esperanto-Semajnfino en junio*

En la 13a kaj la 14a tago okazis en Yuen Long la evento: E-kurseto kaj prelego pri vojaĝo per Esperanto.

### *3.1.4. Fondiĝis Honkonga Junulara Esperanto-Asocio (HKJEA) en junio.*

Jam dum jaro aktivas la junulara sekcio de HKEA. Por pli bone varbi Esperanton al la junularo en Honkongo, HKJEA fondiĝis kaj ĝi oficiale aliĝos al TEJO kiel LS.

Ret-poŝto de la asocio: hkjea@hotmail.com.

prezidanto: Mak, Man-Piu Bill (bill_mak@cathaypacific.com/machaut@ctimail.com)

vicprezidanto: Li, Cheung-Fei Jeffrey (patfinder@ctimail.com)

sekretario: Lo, Karen

estrarano (varbado): Lau, Grace (plau@hkstar.com)

estrarano (informado): Ku, John (sscr03@hkstar.com)

## *3.2. Okazos*

### *3.2.1. 07-11~09-12: Komencanta Kurso ĉe prof. Fidow*

### *3.2.2. 07-14: La 1-a Ĝenerala Kunsido de la IJK 2000 prepar-rondo. Elektiĝo de LKK-anoj.*

### *3.2.3. 07-28~30: Kunsido kun delegitoj el Guangzhou Esperanto-Asocio (GEA). Kunorganizado de IJK 2000 estos inter la agaderoj.*

### *3.2.4. 09-08~10-27: Progresiga Kurso ĉe prof. Fidow*

*raportis Bill Mak/ 4-B Wah Kin Mansion, 18-20 Fort Street, North Point, Honkongo*

# *4. Informoj el Nepalo*

## *4.1. La 2a Internacia Himalaja Renkontiĝo*

Ĝi estis organizita de Nepala Esperanto-Asocio (NEspA) kune kun Sierra Travel and Tours (P) Ltd., de la 26a de februaro ĝis la 7a de marto. Vespere de la 26a de februaro okazis bonveniga kunsido en la hotelo, kie gastis la partoprenantoj el Japanio, Usono, Bharato, Finnlando, Francio, Danio, Aŭstralio, Rusio, Italio kaj Germanio. NEspA donacis al tiuj 22 alilandanoj nepalan ĉapon kaj T-ĉemizon kun Esperantaj literoj. Reciprokis donacado. Ne mankis muziko kaj kantoj de talentuloj.

La 27an de februaro okazis ekskurso al tibet-budhisma stupao en Baudha, hinduisma templo en Pashupati, reĝa palaco en Kathmandu, kie hazarde oni renkontis brazilan esperantiston, kiu monaton antaŭe aliĝis al IHR telekoopie sed ne ricevis respondon kaj

sola vojaĝis.

La 28an daŭris turismo al Patan kun multaj temploj kaj alia ekssreĝa palaco, al Swayambhunath-templo kun granda stupao, al la mezo de Kathmandu.

La 1an de marto oni ekskursis al Trisuli, kaj vespere tendumis.

La 2an oni promenis en ĝangalo.

La 3an oni iris al Pokhara per buseto.

La 4an oni vizitis hinduisman templon sur insuleto en lago kaj reiris al Kathmandu.

La 5an oni havis liberan tempon.

La 6an oni havis grandskalan kunvenon de esperantistoj, kie laŭplane oni povus aŭskulti ĉion pri enlanda Esperanto-movado, sed tio ne okazis.

La 7an okazis nenio.

Spertinte la tagojn de la renkontiĝo s-ino Tahira Masako el Japanio skribis impreson kun kial-demandoj en *"La Movado"* la organo de Kansaja Ligo de Esperanto-Grupoj: Kial la prezidanto de NEspA ne volis paroli en Esperanto, kial en la "kongreslibro" ne aperis la adreso de NEspA, kial en la eldonaĵo "Montejo" de NEspA ne aperas la adreso kaj kasraporto de la asocio, kial NEspA evitis diskuti pri la enlanda movado kun la partoprenantoj en IHR, kial al NEspA donacitaj libroj dormas enŝlosite ĉe persona domo, kial NEspA ne eldonas Esperanto-Nepalan Vortaron kompilitan de Razen Manandhar, malgraŭ ke ne mankas mono laŭ ies diro...?

## 4.2. Elektiĝis novaj estraranoj de Nepala Esperanto-Asocio

En la 9a de majo 1998 oni elektis novan estraranojn de la asocio:

prezidanto: Loka Pani Agnihotray/ G.P.O. Box 3565, Katmandu

vic-prezidanto: Narendra R. Bhattarai/ G.P.O. Box 2323. fakso: +977-1-27722, +977-1-226260, E-Poŝto: scyawali@usald.gov.

vicprezidanto: Ganga Malla/Ga-2-2-Dillibazar, Katmandu-2

ĝenerala sekretario: Suŝil Tulasi Charan

sekretario:More Ram Bista

Kasisto: Posh Raj Subedi

# 5. Informoj el Irano

## Aperonta Esperannto-Libro en Aperanta Ĵurnal-Libro Irana!

En Irano kelke da ĵurnaloj ĉiujare eldonas propran libron kun plej gravaj artikoloj, eseoj kaj raportoj kolektitaj dum la jaro. Unu el la plej interesa matenĵurnalo nomata "Iran" eldonata de internacia novaĵ-agentejo irana dum pasintaj jaroj eldonadas la libron plenkoloran kaj dikegan. Ĝia ĉedirektoro petis prof. M. H. Shaheb-Zamani prepari eseon

pri fremdlingvaj problemoj en Irano kaj rolo de Esperanto por pliriĉigi la ĵurnallibron.

Prof. Zamani, la honora membro de UEA, ricevinte la petleteron senpaŭze planis la taskon kiel lingvo-pedagogo kaj verkisto, kiu dum 50 jaroj publikigis preskaŭ 20 librojn, el kiuj kelkaj temis pri Esperanto: memlerno-libro "La dua lingvo" (1976), analizlibro "Hodiaŭigi Morgaŭon" (1978) ktp. Li komencis skribi novan Esperanto-eseon por irana jarlibro. Li serioze esploradis serĉante la devenon de Esperanto en Irano, kaj ĝian evoluon de antaŭ ĉ. 90 jaroj ĝis nun. Lia preparita manuskripto jam atingis 1000 paĝojn! Tio okazis pro detaliĝo de la eseo studita vastege kaj profundege pri diversaj kronikoj historie kaj eĉ politike en malsamaj periodoj.

Li mem decidis plej frue presigi tiun unikan studaron kiel propran libron kun la temo de la nacia lingvo, deveno de fremdaj lingvoj, ĉefe apero de Esperanto en la mondo kaj Irano, kaŭzoj de ĝia lernado ktp. Sed antaŭ ĉio li morale plenumis sian promeson donante resumon elektitan el tiu aperonta Esperanto-libro al aperanta ĵurnal-libro irana.

Menciindas, ke tiu Esperanta verko enhavas dokumentan fotaron.

*Mojtaba Kheir-Khah/ 37, k. 135, 10 Metry Dowom, Javadieh, IR-13657 Tehrano, Irano*

## 6. Informoj el Japanio

La julia numero de "La Revuo Orienta", kiu estas la organo de Japana Esperanto-Instituto, enhavis *jarlibron '97* kun 39 paĝoj. Ĝi estis redaktita laŭ enketoj al lokaj kaj fakaj grupoj. Troviĝas diversaj eroj de la movado: regulaj kunsidoj, ekspozicioj, prelegoj, kursoj enkondukaj kaj daŭrigaj, kongresoj tutlandaj kaj regionaj, Zamenhof-festoj, kunloĝadoj, agadoj rilate al ĝemelaj urboj, agadoj de membroj, vizitoj de alilandaj esperantistoj, alvokoj kaj kunlaboroj al eksterEsperantujo, informado pri Esperanto per amaskomunikiloj, eldonaĵoj, bone venditaj libroj, adresaro kaj aliaj. Jen estas la resumo:Estas 4 tutlandaj organizoj (Japana Esperanto-Instituto, Japana Esperanto-Junularo, Rondo Harmonia, Esperanto-Propaganda Asocio de Oomoto), 11 regionaj ligoj, ĉ. 100 lokaj grupoj kaj 41 fakaj grupoj. Duono de la ĉ. 100 lokaj grupoj havas regulan kunsidon kaj havas kurson por novaj lernantoj. Zamenf-festo okazis en 27 lokoj, pli ol 25 kunloĝadoj okazis ie en la lando, ĉ. 30 alilandaj esperantistoj vizitis Japanion, eldoniĝis 13 Esperantaj libroj, 9 japanlingvaj libroj pri Esperanto kaj unu vidbendo. Multe venditaj libroj estas plejparte gvidlibroj, lernolibroj kaj vortaroj. Alia multe vendita estas "Raportoj el Japanio" verkita de Hori Yasuo. (Bedaŭrinde la jarlibro estas en la japana lingvo)

*Japana Esperanto-Instituto/ JP-162-0042 Tôkyô-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3, tel.: +81-3-3203-4581. fakso: +81-3-3203-4582. E-poŝto:jei@mre.biglobe.ne.jp*

## 7. aliaj informoj

## 7.1. adresŝanĝo de So Gilsu

So Gilsu, la iniciatinto de nuna Esperanto-movado en Azio, eksestrarano de UEA pri azia agado, ŝanĝis sian adreson:

Koguryo Inst., Hae-yong bld. 1009, 148 Ankuk-dong, Chong-ro-ku, Seoul 110-240; [h] tel. kaj fakso: +82-646-5413, [of] tel.: +82-720-6006, fakso: +82-720-6008

## 7.2. Nekrologo

Padej N.M. (Hinda Unio) mortis en la 16a de novembro 1997 dum operacio pro kormalsano.

Li membriĝis al UEA en 1997 laŭ Projekto C. Li laboris por Esperanto-movado en la urbo Pune kun Aniruddha Banhatti.

*raportis Aniruddha Banhatti/ 14-5, Shrikrushna, Patwardhan Baag, Pune 411004, Hinda Unio (Bharato)*

# 8. Okazis

## 8.1. La 10a datreveno de Zaozhuang-a Esperanto-Asocio

tempo: 1997-08-30

loko: Zaozhuang en la provinco Shandong, Ĉinio

La 28 de aŭgusto estis la 10a datreveno de la fondiĝo de Zaozhuang-a Esperanto-Asocio. Por celebri la datrevenon kaj montri al la socio Esperanton, la asocio faris televidan filmon "Esperanto en Zaozhuang", kun Zaozhuang-a Televida Stacio, disdonis memorajn kovertojn kun Zaozhuang-a Poŝtmarko-Kompanio, okazigis konkurson, en kiu partoprenis 55 asocianoj, kaj 10 asocianoj gajnis premiojn, funkciigis ekspozicion pri Esperantaj fotoj kaj eldonis verkojn por la datreveno.

En la 30a de aŭgusto okazis la memora kongreso en tristela Zaozhuang-a Hotelo, kaj pli ol 140 asocianoj kaj gastoj partoprenis en la kongreso. Lee Chong-yeong (la prezidanto de UEA), Ĉina Esperanto-Ligo, Ĉina Radio Internacia kaj aliaj sendis pli ol 30 gratulajn leterojn. Multaj gravuloj ĉeestis en la kongreso kaj faris favorajn paroladojn. En la kongreso s-ro Zhang Wanqing (vicestro de la urbo) estis elektita kiel honora prezidanto de Zaozhuang-a Esperanto-Asocio. Post la kongreso ZEA okazigis la kvaran belartan vesperon.

*Sun Mingxiao/ Wenhua lu 81 Hao, Zaozhuang, Shandong, CN-277102 Ĉinio*

## 8.2. La 29a Korea Kongreso de Esperanto

tempo: 1997-10-25~26

loko : Kyong-ju

En ĝi parotoprenis pli ol 200. En la 25a vespere okazis konatigoj, prelegetoj, kunkantado, muzikaj kaj teatraj prezentaĵoj. En la 26a matene okazis diversaj malgrandaj kunsidoj. Posttagmeze okazis simpozio pri la venonteco de Esperanta Kulturo.

## 8.3. *Semajno de Internacia Amikeco en Vladivostoko*

tempo: 1998-02-28

loko: Vladivostoko en Rusio

La vespero estis aranĝita en la Junulara Centro de la Teknika Universitato, dediĉite al la Tradicia Semajno de Internacia Amikeco. Ĉeestis pli ol 30 esperantistoj kaj gastoj, precipe la vladivostokaj studentoj kaj lernantoj. La prezidanto de la Esperanto-Klubo "PACIFIKO" Aleksandr Titajev rakontis pri la historio de la Semajno. La kantoj de la diversaj landoj estis kantataj ruse kaj Esperante de la ensemblo "Melodio" sub la gvido de Vladimir Ŝevĉinskij kaj ties solisto Stanislav Mickeviĉ. La junulara grupo de la klubo sub la gvido de Andrej Ŝipilov prezentis Esperantan teatraĵeton. Kaj la partoprenintoj kantis, ŝercis, ridis, dancis kaj teumis...

## 8.4. *Regiona Scienc-teknika konferenco en Vladivostoko*

tempo: 1998-04-21~24

loko: Vladivostoko en Rusio

La konferenco "Junularo kaj Scienc-Teknika Progreso" okazis en For-Orienta Ŝtata Teknika Universitato (FOŜTU). En ĝia kadro funkciis la sekcio "Internacia lingvo Esperanto en Eduko, Scienco kaj Kulturo". La konferencon partoprenis pli ol 1000 personoj, inter kiuj estis studentoj kaj aspirantoj el universitatoj kaj akademiaj institutoj de Rusia For-Oriento. Estis prezentitaj ĉirkaŭ 1000 raportoj, el kiuj 10 estis faritaj en du lingvoj - Esperanto kaj la rusa. Pri la sekcikunsido kaj Esperanto-klubo antaŭe dufoje disaŭdigis la regiona ŝtata radio.

La sekcio funkciis la 22-an de aprilo (la Tago de Tero), kiun partoprenis studentoj kaj instruistoj de FOŜTU, scienculoj de la Societo pri Esploro de Amura Regiono. Venis ret-salutvortoj de la Hokkajdaj esperantistoj (Japanio) kaj la franca esperantisto s-ro Henry Masson.

La kunsido estis dediĉita al la 125-a naskiĝdatreveno de la eminenta esperantisto Vladimir NEUPOKOEV (1873-1912), kiu gvidis la Vladivostokan societon "Espero" post la forveturo de Fedor POSTNIKOV al Usono, estris la Maran Lernejon kaj la Maran Societon, enkondukis Esperanton kiel devigan lerno-objekton en la menciita lernejo.

Plej interesaj estis raportoj pri 1)Vasilij EROŜENKO (Galina POLJANOVA) 2) Arkitekturaj memoraĵoj de Vladivostoko en la historio de Esperanto-movado (Natalia

FOKINA) kaj 3) Kompara analizo de terminologio en la sfero de sociaj sciencoj en la angla, rusa kaj Esperanto (Irina RADOHLEB).

La partoprenintoj decidis aranĝi la sekvan similan sekcikunsidon venontjare enkadre de la Tria Internacia Studenta Kongreso de Azi-Pacifikaj Landoj, dediĉita al 100-jariĝo de FOŜTU, en oktobro 1999 kaj invitas studentojn kaj instruistojn de Rusio kaj aliaj landoj aktive partopreni en ĝi.

La 24-an, la junulara grupo de la klubo prezentis sian distran programon dum la festivalo "Studenta Primavero '98".

*Esperanto-klubo . FOŜTU/ str. Pukinsdkaja 10. 690600 Vladiovostok, Rusio.*
*tel.:4232-268769 aŭ 220715/ fakso: 4232-261689 aŭ 268004.*
*E-poŝto: espero@pub. marine.su*

# 9. Okazos

## 9.1. La 85a Japana Esperanto-Kongreso

tempo: 1998-10-03~04

loko: Kanazawa

kongresa temo: "Ni agu kiel homaranoj por la terglobo!"

informojn petu de: Japana Esperanto-Instituto/ JP-162-0042 Tôkyô-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3, tel.: +81-3-3203-4581. fakso: +81-3-3203-4582. E-poŝto:jei@mre.biglobe.ne.jp

# 10. Leteroj de legantoj

## 10.1. Nepalo, Kathmandu, 1997-08-20

Mi ricevis la n-ron 28 de "EeA" bonorde en la 10a de aŭgusto 1997. Mi legis la opinion "Ĉu Hindio aŭ Bharato?". Mi pensas, ke nek "Hindio" nek "Bharato" estas ĝusta por tiu regiono de Azio, kiu estis kolonio de Britio. Antaŭ Brita Imperio; eĉ antaŭ kaj dum Mongola Imperio estis multaj preskaŭ sendependaj ŝtatoj en tiu regiono. Tiam tiu regiono ne havis la nomon de "Hindustan" aŭ "Bharato". Britio unuigis multajn princlandojn kaj formigis "Indio"n. Nuntempe "Bharato" estas vorto pli kultura ol politika. Bharato etendiĝas al partoj de Azio, kiuj nun ne estas partoj de "Indio". Tial mi pensas ke nek Bharato kaj nek Hindustano estas ĝusta por la nuna regiono de "Indio". Ĝusta estas "Indio", kiu enhavas la tutan regionon, kiun Brita Imperio okupis (escepte de nunaj Pakistano kaj Bangladeŝo) kaj donis la nomon "Indio". Tial mi ĉiam uzis la vorton

"Indio", en miaj komunikaĵoj kun miaj geamikoj en la mondo.

Ankaŭ en la sistemo de UNo "India" estas reprezentata nomo. Nomi ĝin kie! "Bharato" estas nur marki ĝian superecon - politikan superecon al najbaraj landoj.

Mi ankaŭ rimarkis la menciojn pri la diskutoj de Probal Daŝgupto, Johano kaj Ian aperigitaj en la revuo "Esperanto" koncerne "Bharato" kaj "Barato". Jam dek jarojn antaŭe mi kaj S.S. Pal de Kalkato komunikis pri la sonoj de niaj (orientaj) lingvoj kaj de Esperannto kaj mi akceptis la vidpunkton de Pal kaj dume asertis ke ni devas alproksimigi al Esperanto. Mi timas ke eble eĉ unu procento de la esperantistoj de la mondo fakte prononcas la literojn laŭ la fonetiko de Eperanto.

La diskutoj inter la tri personoj supre menciitaj estis tre interesaj...

*Gambir Man Shrestha/ Cha2-518 Tanlachhi Tole, G.P.O.Box 4033, Kathmandu, Nepalo*

## *10.2. Bharato (Hindio), Machilipatnam, 1997-12-15*

Rilate al la letero de s-ro Sok Samnam en n-ro 24 de EeA 1996, la jena informo eble interesos vin.

La origino de la hindua regno, KAMBUJA estis vualita en mito. Laŭ malnova legendo, KAUNDINYA edziĝis al SOMA, NAGA-princino, kaj fondis la reĝan dinastion de KAMBUJA. Li plantis lancon, kiun li enmanigis de la filo de DRONA, ASVATTHAMA.

Alia versio faras la heroon filo de ADITYAVAMSA, reĝo de INDRAPRASTHA. Historie oni povas spuri la plej fruan hinduan regnon en Kamboĝo dum la unua aŭ dua jarcento p.k. Ĝi okupis la sudan parton de Kamboĝo kaj estis nomita FU-nan de la ĉinoj. Ĝi iĝis granda potenco kaj manipulis supersinjorecon super pluraj vasalaj ŝtatoj. Iu ĉina aŭtoro skribis pri ĉi tiu regno: "Pli ol mil BRAMANOJ el Hindujo loĝas tie. La popolo sekvas liajn doktrinojn, kaj edziĝe donas siajn filinojn al ili. Ili legas siajn sanktajn librojn tage kaj nokte."

La reĝoj de Fu-nan sendis ambasadorojn ankaŭ al Hindujo kaj Ĉinujo. La pozicio de supereco transiris en la 6a jarcento al KAMBUJA-DESA, origine unu el la vasalaj ŝtatoj de Fu-nam. Do KAMBUJA-DESA donis sian nomon al la tuta lando, kaj ĝiaj reĝoj regis la landon en granda pompo dum 900 jaroj. Inter ĝiaj bravaj reĝoj, oni povas nomi: JAYAVARMAN I, II kaj VIII; YASOVARMAN kaj SURYAVARMAN II.

En la 14a jarcento p.k., la invado de la anamanoj el la Oriento kaj tajoj el la Okcidento malpliigis ĉi tian regnon al eta princlando, kiu ankoraŭ ekzistas sub la protektado de la francoj. Respektplene via

*P. NARASIMHA RAU/ "Pillarisetty House". Chammanagiripeta, Machilipatnam (AP) 521 001, Hindio*

## 10.3. Ĉinio, Mawei, 1997-12-25

Certe vi havis sukcesan jaron 1997. Nun mi deziras al vi feliĉon, sanon kaj ĉion bonan en la novjaro 1998!

Kaj mi dankas vin pro via donaco de "EeA", kiu estis orde ricevita de mi. Verdan saluton!

*Xiao Zibin/ Chenzhan-Qu 68 hao, Mawei, CN-558206 Dushan, Ĉinio*

## 10.4. Ĉinio, Foshan, 1998-01-06

Mi dankegas vin pro viaj senpage senditaj bultenoj "EeA". Mi detale legas ĉiujn numerojn, kiujn vi sendis al mi. La enhavoj de la bultenoj estas tre riĉa kaj plaĉas al mi. Sur la vojo de disvastigo de la Esperanta movado, viaj bultenoj havas grandan rolon.

Mi estas vicprofesoro en Jiaying Universitato kaj organizis Esperanto-kurson en la universitato. Pli ol 90 gestudentoj partoprenis mian kurson en 1997. En la venonta semestro, mi laboros en Foshan universitato. Mi intencas okazigi Esperanto-kurson tie kaj disvastigos Esperanton. Grandajn sukcesojn al vi en 1998!

*Pan Xian Wei/ Chinese Department, Foshan university, CN-528000, Foshan, Guangdong, Ĉinio*

## 10.5. Vjetnamio, Hanojo, 1998-01-11

al Redakcio de "Esperanto en Azio"

Ĉion bonan okaze de la nov-Jaro (Jaro de Tigro, laŭ luna kalendaro) multe da sukcesoj al ĉiuj membroj de "EeA".

Viaj informoj estas tre necesaj, tre utilaj por ni, vjetnamaj esperantistoj. Se ni atingis iom ajn sukcesajn en la lastjaro, ni ĉiame dankas la helpon de japanaj esperantistoj.

*Estraro de UNESPE (Nguyễn Vắn Diên)/ 6 Vong Duc, Hanôi, Vjetnamio*

## 10.6. Pakistano, Multan, 1998-01-15

Mi ricevis ĝojege 29an numeron de "EeA" kaj dankas al vi elkore. Ni esperas, ke vi daŭrigos ĝian sendon al nia Esperanto-Rondo. Ĉar ni ĉiuj tre interese legas ĝin kaj sentas ke ĝi estas tre helpodona por nia Esperanto-movado. Ĝi estas kiel spegulo en kiu ni povas klare vidi la vizaĝon de Azia Esperanto-movado. De la flanko de Multana Esperanto-Rondo denove ni dankas al vi.

*Multana Esperanto-Rondo/ P.O.Kesto No. 26, Multano, 60000, Pakistano.*
*tel.: +92-061-511959, 589927 (ĉe prezidanto: Muhammad Akram Rongha)*

## 10.7. Ĉinio, Zhejiang, 1998-01-18

La n-ro 29 jam bone atingis min. Koran dankon.

La informoj de Azia Esperanto-movado estas tre interesaj al aziaj esperantistoj, sed tiujn informojn mi ne povis multe kaj detale scii. Dank' al "EeA" nun mi jam multe konas tion . En "EeA" troviĝas ankaŭ interesaj artikoloj, ekz. "Brito en Azio".

*Chen Yinhua/ Nanma-zhen Guangqiao-cun, CN-322121 Dongyang-shi, Zhejiang, Ĉinio*

## 10.8. Ĉinio, Ŝanhajo, 1998-01-18

Mi estas instruisto de elementa lernejo. Lastjare mi sukcese igis 5 geknabojn lerni Esperanton, kaj mi estas ankaŭ patro. Mi komencis igi mian infanon (naskita en 1995) paroli Esperante. Estas tre interese, ke mia infano nun povas paroli nomojn de koloroj, manĝaĵoj, veturiloj ktp en Esperanto.

Sed mankas al mi por-infanaj lernolibroj facilaj kun bildoj, kaj ankaŭ sonbendoj. Kaj ankaŭ miaj kursanetoj havas intereson korespondi kun alilokaj geknaboj en Esperanto kaj la angla. Bv. sendi al mi bonan lernilon kaj adresojn de geknaboj, kiuj deziras korespondi.

*Tang Yong/ Worker-Peasant Road 102#, Buzhen, Chongming, CN-202157 Shanghai, Ĉinio. tel.: +86-21-59412418, aŭ 59417576. fakso: +86-21-59421577*

## 10.9. Ĉinio, Beijing, 1998-01-29

Mi deziras al vi feliĉon en ĉina novjaro. Mi bone ricevis "EeA" en la 1997-a jaro, kaj mi kore dankas al vi.

*Li Li/ Xi Luo Yuan 4 Qu 32 Lou 706 shi, CN-100077 Beijing, Ĉinio*

## 10.10. Ĉinio, Xinyu, 1998-03-24

Mi malaperis el la Esperantujo jam longan tempon por vivekzistado; tamen "EeA" neniam forgesis min, kaj ĝia redaktejo senĉese ekspedis al mia adreso sian bultenon unu post la alia.

La foliojn mi volis sed ne povis legi, nur dum la lastaj tagoj mi atente kaj kortuŝe tralegis ilin, kiuj, partikulare la artikolo "Kiel eldoniĝas EeA kaj kiel vi ricevas ĝin?" en la numero 23, 1996-1, intense provokis en mi pasion kaj entuziasmon pri nia afero, kvankam "EeA" neniam ĉesas ŝvebi en mia memoro.

Mia-flanke, grandan dankon meritas la redaktantoj de "EeA", kaj aliaj helpantoj, kiuj ĉiuj klopodadas, penegas por nia nobla afero kun sincereco kaj sinforgeseco.

Nun ankoraŭ mi restas izolito, kiu plie bezonas la alvenon de via gazeto. Baldaŭ venos la 2a Azia Kongreso en Vjetnamio, kies bultenojn mi ankaŭ esperas siatempe ricevi de vi, ĉar mi volas ĝin partopreni.

Kun miaj bondeziroj

*Xiong Linping/ Xinyu, Yinshi Fuwu Gongsi, CN-336500 Jiangxi, Ĉinio*

## 11. deziras korespondi

●(s-ro) Abid Ali Qureshi, kun gejunuloj kun aĝoj malpli ol 30.

Kashana Al-Quresh, St. No. 2, Meo Colony, Masoom Shah Road, Multan, Pakistano

●(s-ro) Gao Zhen-xing, interŝanĝi filatelaĵonj, telefonkartojn precipe japanajn.

Jiashanlu 50 hao, 4 haolou Yidanyuan 2 hao, CN-266032 Qingdao, Shandong, Ĉinio

## 12. ricevitaj organoj

### 12.1. "Penseo"

la monata beletra revueto en Esperanto; n-ro 73(1997-11), n-ro 74(1997-12), 75(1998-01), 76(1998-02) ; 27x19cm; 4-paĝa; Esperanta; ĉefredaktanto: Shi Chengtai; eldonas Donghu-a Esperanto-Domo/ Peng Zhengming/ Fujiapo. Meiyuan Xiaoqu 301-3-2, Hubei, WUHAN 430070 Ĉinio. tel.: +86-27-7818012. E-poŝto: dedhea@public.wh.hb.cn

### 12.2. "Internacia Agrikulturo"

sezona gazeto; n-ro 3-4, 1998 (1-2); B-6, 32p.; Esperanta; ĉefredaktanto: Huang Yinbao, ĝenerala sekretario de IAEA (Internacia Agrikultura Esperanto-Asocio)/ Huang Yinbao, Jingchuan-Xian Kewei, CN-744300, Gansu, Ĉinio

### 12.3. "Honkonga Esperanto-Asocio"

A-4; 6p. Esperanta/ Margarret Fidow/ Apt. 4a BL. 5 Tak Chee Yuen, 88 Tat Chee Avenue, Kowloon Tong Kowloon, Honkongo, Ĉinio. E-poŝto: Esperanto_hkea@hotmail.com

### 12.4. "Tutmondaj Scienco kaj Tekniko"

sezona gazeto; n-ro 50, 1997-4 (58p.), n-ro 51, 1998-1 (68P.); A-4, ; du-lingva (Esperanto kaj la ĉina); eldonas Eldonejo Tutmondaj Scienco kaj Tekniko/ Esperanto-Asocio, Academia Sinica, 52 Sanlihe, CN-100864 Beijing, Ĉinio. fakso: +86-10-6851-2458

### 12.5. "La Mondo"

monata organo de ĉina Esperanto-Ligo; 1997-11-12; B-5, 32p.; du-lingva (Esperanto kaj la ĉina); eldonas Ĉina Esperanto-Ligo/ P.O. Kesto 825, CN-100037, Beijing. tel. +86-10-6832-6682. fakso: +86-10-6832-1808

## 12.6. "Esperanto" (La Lanterno Azia)

dumonata organo de Korea Esperanto-Asocio; n-ro 135 (1997-4, 5), n-ro 136 (1997-6, 7), n-ro 137 (1997-8, 9), n-ro 138 (1997-10, 12), n-ro 139 (1998-1,2); eldonas Korea Esperanto-Asocio/ 1601 Kangbyon Hanshin Core B/D Mapo-dong 350, Mapo-gu, Seoul, 121-703, Koreio. tel.: +82-2-717-6974~5. fakso: +82-2-717-6975. E-poŝto: keast@soback.kornet.nm.kr

## 13. kontribuoj

Jenaj 59 personoj (grupoj) kontribuis sume 357,015 enojn.

Abe Hiroyuki, Aida Yayoi, Aikawa Setusko, Akada Yosihisa, Esperanto-Densyusyo Sue, Hayasi Kaneyuki, Hayasi Ken, Hirotaka Masaaki, Hosida Atusi, Hotta Yuri, Hukumoto Hirotugu, Inumaru Fumio, Itabasi Micuko, Itou Yoriko, Katou Iwao, Kazawa Kinuko, Kimura Eizi, Kinosita Mayumi, Kobayasi Utako, Konisi Tiyo, Kuriyama Hitosi, Kuroyanagi Yositaka, Maeda Yonemi, Mine Yositaka, Miwa yasu, Miyamoto Itiro, Miyamoto Seiko, Mizuno Yosiaki, Nakamiti Tamihiro, Nakamura Isao, Nisimura Natiko, Obara Hieo, Okuda Hiroko, Onda Hiromasa, Oonisi Sin'iti, Oosaki Yaeko, Ootuka yasusi, Saiki Akira, Saitou Tume, Samura Ryuei, Sanpei Keiko, Sasaki Yasuko, Sawaya Yuuiti, Schmid Wilhelm, Somekawa Takatosi, Sugano Takeo, Tadaisi Tizuko, Takahasi Hirosi, Takeuti Tomiko, Takubo Hideo, Tani Hiroyuki, Taniguti Teruo, Todoroki Hisako, Unoki takanori, Yamamoto Sintaro, Yamasaki Seikô, Yamasaki Yosihumi, Yamazoe Saburou, Yosikawa Syôiti

## 14. Adresaro de aziaj esperntistoj (daŭrigo de n-ro 30)

Ĉi tiu adresaro estas daŭrigo de n-ro 30, kaj enhavas adresojn de mez-orientaj, mez-aziaj kaj rusaj esperantistoj. Sed ni ne aperigis adresojn de israelaj esperantistoj, ĉar ili multe troviĝas en la jarlibro de UEA. Landoj kaj urboj aperas laŭ alfabeta ordo. Pri landoj, kie troviĝas malmultaj esperantistoj, ni ne indikis urbojn. Se estas eraroj aŭ troviĝas li/ŝi, kiu jam forlasis Esperantujon, informu tion al Japana Esperanto-Instituto (Doi Ĉieko). Utiligu la adresaron nur por Esperantaj aferoj kaj ne ĝenu samideanojn pri ne-Esperantaj aferoj.

### Azerbajĝano

Ŝaig Bahramoglu Mammadov/ Aga-Nejmatulla 34-1, 370033 Baku 33 /tel.:+994-12-66-8931 /fakso:+994-22-66-89-31

### Irano

**[Borujerd]**

Muhammad Saiid Pakravan/ P. O. Box 199, IR-69135 Borujerd

Sultan Bhati/ Borujerd, Hajebi (Asal), Khiaban Shohada, c/o Mehdi Zandy, Ghannadi, IR-69137

[Tabriz]

Mohammad Poorgholi Belverdi/ 7. Shahid joudy-Anbarsardar, Mofateh, IR-51457, Tabriz

[Tehran]

Ĵila Sedighi/ 12+1, Yegane st. North Iran-shahr, Tehran 15-846/ tel.:+98-21-83 47 95

Fatemeh Haji Solat/ 82 Heidari Sarvestan #1, Pasdaran 16619 Tehran

Farifte Saidi/ P.O.Box 16765-377 Tehran/ tel.:+98-21-28 42 05

Irana Esperantista Junulara Organizo/ P.O. Kesto 17765-184, Tehrano

Hamid Haghdust/ No 88, K: Mehr, Kh: Chaharfasl, Kh: Pirouzi, Tehran-17359/tel.: +98-21-338754

Javad Safar Aliee/ 25, plako. Heydari riseh, aleo. Hasan banna, str. Resalat, str. 16336, Tehrano

## Kartvelio (Gruzio)

Aleksandr. T. Levidze/ Leninakani 13, 384007 Kutaisi/ tel.:+995-332-63613

Avtandil Abuladze/ p.k. 147, GE-380004 Tbilisi

## Kazahio

Dina Lukjanec/ 480057 Alma-ata, ul. Ĝapaev 73-25/ tel.:+7-3272-45-56-13

## Kirgizio

Kanatbek Gudajmendiev/ Alamendin r-n s. Arasan. ul. Centralnaja 35, Biskek/ tel.:+7-3312-280352

## Kuvajto

Zahoor Ahmad/ Gulf Consult, P. Box. No. 22412, Safat 13085

Farŝideh Arabshahi/ PObox 126 Safat, 13002/ tel.: 4812123

## Rusio (azia parto)

[Barnaul]

Barnaula Esperanto-Klubo/ a.k. 822, RU-656015 Barnaul

[Blagovescensk]

Blagovscenska Esperanto-Klubo/ s-ino Ludmila Kostina, str. Simanovskogo 5-86, RU-675000 Blagovescensk

[Habarovsk]

Habarovska Esperanto-Grupo/ s-ro Sergej Gepalov, RU-680020 Habarovsk, str. Ladojskaja 27-149,

Mihail a. Danikluskin/ RU-680051 Havarovsk, ul. Cernjahovskovo 7-16

[Irkutsk]

Irkutska Esperanto-Grupo/ s-ro Jurij L. Vajnapel, RU-664053 Irkutsk, str. Baumana 252-52,

[Jakutsk]

Jakutska Esperanto-Grupo/ s-ro Jurij V. Pisarev, RU-677000 Jakutsk, str. V1. Gubina 35-

[Jekaterinburg]

Ruslanda Esperanto-Asocio/ s-ino Halina Gorecka/ RU-620077, Jekaterinburg-77, p.k. 67/ tel.:+7-3432-518647

Aleksander Korĵenkov/ RUS-620014, Jekaterinburg-14, p.k. 162/ tel.:+7-3432-224501

Viktor Kulakov/ RU-620043, Jekaterinburg 43, p.k. 19

[Krasnojarsk]

Krasnojarska Esperantista Klubo/RUS-660075, Krasnojarsk-75, p.k. 2420, / tel.:+7-3912-23-52-59

Habarov Eugeno kaj Semjonova Olga/ RUS-660036 Krasnojarsk, Akademgorodok 17a-185,

Sergej A. Bronov/ RU-660049 Krasojarsk, str. Konstitucii 25-37

[Mejdurecensk]

Majdurecenska Esperanto-Klubo/ RU-658870 Mejdurecensk-centre, a.k. 60

[Nizhny Novgorod]

Igor Zalyotnov/ RU-603009 Nizhny Novgorod, 1-80 Bonch-Bruevich str.

[Novokuzneck]

Novokuznecka Esperanto-Klubo/ RU-654005 Novokuzneck-5, a.k. 2532

[Novosibirsk]

Novosibirska Esperanto-Klubo/ s-ro Pjotr p. Stepanov, RU-630055 Novosibirsk-55 a.k. 44,

[Petropavlovsk-Kamcatskij]

Andris Natinj/ RU—683024, Petropavlovsk-Kamcatskij, Bulver Ribackoj Slavi 3-10,

[Sahalinsk]

Sahalina Esperanto-Grupo/ s-ino Irina Coj, RU-693000 Jujino-Sahalinsk, str. Popovica 106-6

[Soci]

Vladimir Bespalov/ RU-354000 Soci, ab. jas 913/ tel.:+7-862-9972281/ fakso: +7-862-928730

[Surgut]

Surguta Esperanto-Klubo/ RU-626400 Surgut Tumenskaja obl. Glavpoctamt, a.k. 39,

[Tomsk]

Basov Gjennadij F./ RUS-634055, Tomsk, a.k. 2289

Vladimir Minin/ a.k. 2000, RU-634063 Tomsk-63

[Tumenj]

Tumena Esperanto-klubo/ RU-625009 Tumenj-9, a.k. 139,

[Vladivostok]

Vladivostoka Esperanto-Klubo/ RU-690002 Vladivostok, Komitet mira, 90, Okeanskij pr.

Aleksandr Titajev/ Esperanto-Klubo, Teknika Universitato, str. Pukinsdkaja 10, 690600 Vladiovostok/ tel.:4232-268769/ fakso: 4232-261689/ E-poŝto: espero@pub. marine.su

## Taĝikio

Firdaŭs Ŝukurov/ ul. 50 let Tagikistana, 43-35, TJ-734061 Dusanbe/ tel.:+7-3772-346-472/ fakso:+7-3772-271-771

# Turkio

[Istanbul]

Heŝmat F. Yalcin/ Kurtdereli Cad, Ebru sok AP! Da4-2, Ustgozetepe Istanbul/ tel.:+90-5293937

Hayrettin Dural/ Akin sokagi 18, D-7, Saskinbakkal, TR-81070 Suadiye, Istanbul

Turka Esperanto-Asocio/ s-ro Enver Yalcin/ p.k. 1328 Sirkeci, TR-34438 Istanbul

Mehmet Telyakar/ Aydinlik Sokak 23, Ortakoy 808040 Istanbul

# Uzbekio

[Samarkando]

Anatolo Ionesov/ UZ-70300 Samarkando, abon. ja. 76/ tel.:+7-3662-33-17 53

Rashitov Radik/ UZ-70300 Samarkando, kesto 76, Esperanto-klubo

[Taskent]

Eŭgeno S. Perevertajlo/ UZ-700000 Taskent, a.j 140/ tel.:+7-3712-57-24 87

Gafur Mirzabajev/ Taskent, ul. Klara Cetkin. d.6, kv. 50, / tel.:+7-3712-54-84 74

Vladimir P. Masalkin/ Taskent, Massiv Junusabad, Kvartal 8, dom 13, kv. 28, UZ-700190

## *Korekto de eraro:*

En n-ro 30 estis adreso de s-ro Bo Friedman sub "Tajvano" (p.17), sed li loĝas en Usono. Pri "Tajvano" bv. vidi sur p. 19. Pardonon!

•*Parolas la redaktantoj:* Unue ni devas peti vian pardonon pro tio ke la eldono de ĉi tiu numero tre malfruiĝis. Estis eventoj pri kiuj ni devis informi pli fure, i.a. estas Komuna Seminario en Beijing. Ĉio okazis ĉefe pro nia maldiligenteco kaj parte pro nia troa okupiteco: La patrino de Hirokaz restas en hospitalo, kaj Ĉieko devas multe labori por japanaj kongresoj, ktp.

Ankaŭ la prezidanto de KAEM havas malfacilan problemon: lia edzino estas grave malsana. Li restas preskaŭ tutan tempon ĉe ŝia lito en hospitalo.

Baldaŭ okazos la 83a Universala Kongreso en Montpeliero, Francio. Tiam okazos elektado de la estraro de UEA. Ni aŭdis, ke d-ro Lee Chong-yeong ne rekandidatos kiel la prezidanto de UEA. Ni esprimas grandan dankon kaj respekton pro liaj laboroj. Kaj en la sama kongreso oni decidos ankaŭ novajn KAEM-anojn. Kiuj fariĝos novaj KAEM-anoj por la venontaj tri jaroj, ni ne informiĝas. Kaj kiuj redaktos la bultenon poste? Kiel okazos la tria Azia Kongreso?

Sendu al Japana Esperanto-Instituto vian artikolon, kaj viaj skribaĵoj plenigu nian bultenon. Ni esperas, ke la venontaj numeroj aperos regule!*(1998-07-20 DOJ Ĉ.kaj H.)*